# HELECO órgano de Astura Esperanto Asocio

E S T R A R O   D E   A. E. A

Prezidanto: S-ro Santiago Mulas
Vicprezidanto: S-ro Adonis González
Sekretario: S-ro Luis Muñiz
Kontisto: S-ro Manuel Fernández
Kasisto: S-ro Ildefonso Domínguez
Bibliotekisto: S-ro Julio Argüelles
Gekomitatanoj: F-ino Pilar Alonso
S-ro Gervasio Colunga
S-ro José Ordieres
S-ro Faustino Castaño
S-ro Antonio Román


A D R E S O   D E   A. E. A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 344334   GIJON - 6


- - - - - - - - -

E N H A V O





FOR LA KROKODILON!

**Trifoja** hurao al la respondeculoj de la en la unuaj tagoj de Aprilo okazinta VII-a HEJS-Tendaro, en la Esperanto-Oazo, Gandio. Jes, trifoja hurao pro tio, ke ili ekuzis tie la novan trafiksignalon per kiu estas malpermesita " cirkulado de krokodiloj en Esperantistaj zonoj " ( Art. 1.001, 1-a Paragrafo, aldono b), de la Zamenhofa Trafikkodo, kiu siatempe estis unu-anime aprobita kaj laŭleĝe sakciita kaj kiu, sekve, devigas ĉiun Esperantist(in)on).

Nun estas scivolema pri la rezultato, kiun ili atingis per tia nova trafiksignalo. Ĉu ili sukcesis forigi ĉian " krokodiladon " en tiu esperantista medio, kie disvolviĝis la citita VII-a HEJS-Tendaro? Ĉar ja oni devas agnoski, ke en la nuntempo, ĝenerale, trafikreguloj estas malobservataj, kio, cetere, okazigas gravajn akcidentojn kiuj kelkfoje estas neripareblaj.

Ni esperu, ke ili estu sukcesintaj kaj ke tia kontraŭ-krokodila agado en la Esperanto-Oazo de Gandio ne restu nura oazo en Esperantujo!

Mi sugestas, ke ĉiu esperantist(in)o enmensigu la supre menciitan trafiksignalon, nome: blanka disko kun krokodilo kaj ruĝaj 5-centimetraj rando kaj diagonala streko, kaj parkerigu la koncernan tekston de la Art. 1.001.

Mi certas pri tio, ke se ĉiu observas tiun ununuran trafikregulon en esperantistaj medioj Esperanto progresos sen gravaj akcidentoj.

Do, ekde NUN kaj NEPRE, kiam Vi estu en esperantista medio, PAROLU ESPERANTON!

ADONIS.-

# NIA ANTENO

finiĝis la Komenca Kurso de Esperanto, kiun ekde pasinta Oktobro gvidis s-ano Santjago Mulas en nia sidejo. Ĉu oni povas paroli pri sukceso de tiu Kurso? Nu, Vi mem juĝu. Kursofinon atingis duondekduo da entuziasmaj gejunuloj, kiuj akiris bazajn konojn pri la gramatiko de nia Lingvo kaj sufiĉan sotokon da vortoj por kapabli senembarase konversacii pri iu ajn ĉiutaga temo. Post finiĝo de tiu ĉi Kurso, en nia sidejo funkcias, lunde kaj vendrede, kvazaŭ Progresiga Kurso konsistanta el: legado de E-gazetoj, revuoj k.c., konversacioj, aŭskultado (kaj kantado) de E-kanzonoj, ktp., kiun partoprenas plejmulto el la membroj de nia Asocio. Memkompreneble, per ekfunkciado de la nova "Progresiga Kurso", ankaŭ alvenis al sia fino la Kurso por progresantoj, kiun gvidis s-ano. Adonis González.

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

El nia modesta angulo, ni deziras esprimi nian sinceran gratulon al s-ro. JOSE LUIS GARCI, kies filmista talento estis rekompencata per aljuĝo de Oskaro al sia filmo " REKOMENCI " fare de la Film-Akademio Usona.

Nia gratulo estas duobla. Unuflanke, pro la atingita Oskaro mem, kio ja estas Premio ne nur por la filmisto, sed ankaŭ por nia Lando. Aliflanke, pro la filmo, kiu priskribante vivon de Nobel-Premiito, kiu revenas en sian naskiĝlokon, disvolviĝas en nia urbo, GIJON.

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

Denove ni sukcesis disaŭdigi plurfoje nian voĉon per Radio Gijón, dank' al s-ano Julio Argüelles, kiu preskaŭ ĉiusemajne parolis ĉe ties mikrofonoj. Li tuŝis i.a. jenajntemojn: Jubileoj de Oomoto kaj Espero Katolika; 75-a datreveno de "FRATECO", E-Grupo de Zaragoza; Universala Kongreso en Budapeŝto.

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

Ni danke konfirmas ricevon de gratuloj pro la nova aspekto de HELECO, kaj pro ties enhavo, el Esperanto-Grupo de Duisburg (Germanio FR) kaj el s-ano Vincze Ferdinánd de Sirok (Hungario), samkiel el ĉeĥoslovaka s-ano Vladimir Rotrekl. Tiaj gratuloj kuraĝigas nin kaj konsistigas gravan stimulon al niaj klopodoj plibonigi nian gazeton.

ADONIS.-

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

## IOM PRI...LA HISTORIO DE NIA NUNJARA KONGRESURBO

## Z A R A G O Z A

Aŭgusto fondis roman kolonion, ĉirkaŭ 25-jaroj a.K., por la veteranoj de la Kantabria milito, verŝajne sur restaĵoj de la ibera urbo Salduba, sub la - nomo Cesaraŭgusta ĝi fariĝis la komerca centro de la Ebro-valo.

La urbo estis konkerita de la suevoj en la jaro 452-a kaj de la visigotoj en la jaro 476-a. La muzulmanoj komanditaj de Mura Ibn Nusair okupis ĝin en la 714-a jaro. Dum la Emirato, Zaragoza estis centro de oftaj ribeloj, kontraŭ la centra povo. Okaze de unu el tiuj ribeloj venis ilin helpi Karlomagno kun sia armeo, jaro 778-a, sed li estis venkita dum sia retiriĝo en Roncesvalles. Post la disfalo de la Kalifato, Zaragoza fariĝis "tajfo" de la dinastio Beni Hud, - sed la urbo estis konkerita en 1.118-a jaro de Alfonso la I-a, la Batalanto, - post naŭ monatoj de sieĝado.

Dum la 14-a jarcento Zaragoza estis la centro de Nobelara Unuiĝo, kiu ofte ribelis kontraŭ la reĝoj, ĝis ĝia malvenko en la 1.348-a jaro, fare de Pedro "El Ceremonioso". Post la morto de Martín"El Humano", en la urbo ekbatalis inter si la Urreas kaj la Lunaj, respektive sekvantoj de Fernando de Antequera kaj Jaime de Urgel. La starigo de la inkvizicio okazigis gravajn tumultojn,dum kiuj estis mortigita la inkvizitoro Pedro de Arbús, jaro 1.485-a.La forigo de la judoj, 15-a jarcento kaj de la maŭroj 17-a jarcento, malgrandigis la ekonomian viglecon de la urbo.

Felipe la II-a, pretekste, ke Zaragoza donis rifuĝon al Antonio Pérez, finigis la urbajn privilegiojn. La leĝoj restantaj estis aboliciitaj de Felipe - la V-a, post la milito de la Trono-heredigo. Dum la milito de la Sendependenco Zaragoza suferis du sieĝojn, kiuj famigis ĝin; la unua daŭris du monatoj kaj - finiĝis post la franca malvenko en Bailén, Junio-Aŭgusto 1.808. La dua sieĝo - komenciĝis en Decembro de la sama jaro, ĝis Februaro 1.809, kun la kapitulaco de la urbo.

Zaragoza revigliĝis en la 19-a jarcento pro ĝia privilegia situacio en la fervoja reto kaj en la kulturigo de novaj terenoj, danke al la Imperia Kanalo de Aragón.

De la antikva Cesaraŭgusta nur estas iuj restaĵoj de la romana murego.

De la araba periodo ankoraŭ ekzistas la fama Aljaferia. La konstruaĵo pli fama de la urbo estas la Seo (Katedralo), komencita en la jaro 1.119-a, de stilo romanika, kaj el kiu parte estis detruita ĉirkaŭ 1.316-a jaro, kaj rekonstruita laŭ stilo gotiko-kataluna, kun tri navoj kaj kapeloj inter la abutmentoj. La "cimborio" (bazo de la kupolo) post la detruigo de la unua, estis rekonstruita an la 1.501-1.502-a jaroj. La belega retablo de la ĉefa altaro estis ekkonstruita de Pere Joan kaj finigita de Francisco Gomer, Hans de Suabia kaj Gil Morlans, patro. Tamen pli fama ol la Seo estas la Baziliko de nia Sinjorino Pilar. Aliaj interesaj momumentoj estas la antikva preĝejo de Santa Engracia, kun fasado renesanca, fare de Morlans. La Lonja estas ĉarma konstruaĵo de la stilo gotika al renesanca, 1.541-1.551-a jaroj.

LUIS SERRANO PEREZ

SABADELL

# LAŬDINDA DECIDO

Sendube la atentemaj legantoj de "HELECO" bone perceptis, en la daŭro de la tempo, ke ĝi estas ofte kaj kaŝite invadita de fiaj gramatikaj uloj, kiuj tute ĝenas la perfektan kaj korektan ordon nepre necesan en la teritorio de nia organo.Uloj, kiuj uzurpas la postenon evidente apartenantan al a liuloj dece kondutantaj; aŭ kiuj sin elmontras publike kun gramatikaj ornamaĵoj, ekzemple la finaĵo "n", nedecaj por la respektivaj okazoj; aŭ, kiuj ne estas tie, kie ili devas esti kaj, kontraŭe, ili estas ofte viditaj en lokoj, kie ili estas tute nenecesaj, kiel okazas multajn fojojn al la petolemaj etuloj apartenantaj al la gento de la komoj...

Ni vidu, kiel ekzemplon, kelkajn tiajn faktojn okazintajn en la teritorio de la lasta numero, 29, de "HELECO".

En la rubriko "NIA ANTENO" mi jam trovis kelkajn el tiuj fiuloj.La unuan mi vidis en la linio 11ª.Temas pri la tiel nomata El, kiu troviĝas inter sinjoroj Specimenoj kaj Gazetoj, en la loko apartenanta al sinjoro De. Tom poste, en la linio 13ª, mi vidis la tiel nomata Kiel.Mi demandis al li, kion li faras tie, ĉar mi ne povis kompreni la kialon de lia ĉeesto, sed li ne sciis tion klarigi al mi.Pri la tiel nomata El mi devas substreki, ke li evidente estas obstina malamiko de S-ro De, ĉar mi denove rimarkis lin uzurpanta la lokon de tiu ĉi en la linio 19ª, inter S-roj Lokoj kaj La, kaj en la linio 41ª, inter sinjoroj Kelkaj kaj Oviedo.En la linio 27ª, la tiel nomata Prezentis propriĝis al si la rolon de sinjoro Malfermis.La tiel nomata De eniris en la lokon destinitan al sinjoro Per en la linio 33ª, inter sinjoroj Premiitaj kaj Fortaj.Rilate al sinjoro Dignan, kiun ni vidis en la linio 38ª, mi nur diras al li, ke en tiu loko li devus ĝentile cedi la taskon al sinjoro Indan, malgraŭ tio, ke li ne tro malbone rolas tie.La tiel nomata Nomtabulo estis en sia ĝusta loko en la linio 21ª, sed malkonvene vestita; li ne kunportis la finaĵon "n", kiu estas deviga en la tiea cirkonstanco.

Aliajn deliktulojn mi vidis tra la citita numero 29, sed mi opinias,ke jam estas sufiĉe ampleksa la ekzemplo por reliefigi la neceson fari ĉion eblan por eviti estonte tiajn fiaĝojn.

Feliĉe, ŝajnas, ke oni jam komencis fari elpaŝojn tiucele.Laŭ mia scio, la Lingvodefenda Polico disponos je speciale trejnita taĉmento, t.n."Taĉmento Zamenhof", kiu ekdeĵoros en la nun konstruata Verda Komisarejo, inaŭgurota post malmulte da tempo en la teritorio de "HELECO", en kies venonta numero ni vidos jam la unuan oficialan komunikon de tiu necesega policservo.Jen vere laŭdinda decido!

ALCIBIADO GONZALEZ MEANA

La Felguera, en la 26ª de februaro de 1983ª

# Niaj Geamikoj el....

## .... Bulgario

HISTORIO DE LA ESPERANTO-MOVADO EN GABROVA DISTRIKTO(konciza resumo)

En Gabrova distrikto inter entreprenema kaj sciama loĝantaro frue ekkreiĝas socialismo kaj socialisma gazetaro, penetras la ideoj de Esperanto.Unua pioniro de Esperanto en urbo Sevlievo estas Doĉo T.Stanev, kamlotisto, esperantisto de 1.901 j.Dum la dudekaj jaroj li estis unu el la fondintoj de la esperantista societo "Fratiga stelo", longjara prezidanto kaj membro de la estraro, delegito de UEA.Lia malgranda butiketo estis kiel klubo de la esperantistoj.

Unua esperantisto en Gabrovo estas Varĉo Jovĉev (1.876-1.931), naskita en vilaĝo Kaŝlite (Jabâlka), ellerninta Esperanton en 1.902 j.de itala inĝeniero.Li estis delegito de UEA kaj vigle korespondis esperantlingve.Dum 1.903 j. preskaŭ samtempe ellernas Esperanton la librotenisto Jordan Sutrinkov (1.886-1.971) , la instruisto Vasil Prâvĉev kaj la albano Azis.La kvaropo esperantista komenzas kun veni en siaj domoj kaj en la jaro 1.908 fondas esperantan grupon.

Dum la jaro 1.911 la teksa laboristo Vasil Tabakov, kiu laboris antaŭe en Stara Zagora kaj V.Târnovo, revenas en Gabrovon.Kun lia helpo la redaktoro de gazeto "Semo" - Dimitar Malĉev - eldonas la gazeton en Gabrovo de 4ª ĝis 12ª numero.En numeroj 7ª kaj 8ª estas anonco pri malfermo de esperantistaj kursoj en Gabrovo je 30ª de Majo.Ankaŭ kun la helpo de Vasil Tabakov, dum la aŭtuno de la sama jaro ĉiuj esperantistoj en Gabrovo fondas esperantistan societon "Semo" .Unua prezidanto estas V.Tabakov.

Post la milito, en 1.919 j., V.Tabakov kaj la junaj esperantistoj Ljubomir Avramov kaj Stojan Ivanov, fondas laboristan esperantan grupon "Karl Libkneht" , kiu poste estiĝas societo "Verda torĉo" je la 22ª de Decembro 1.922 j. kun prezidanto Hristo Kolev kaj sekretario Petko Ĵivkov.La estraro organizas kursojn en Aprilovska gimnazio kaj Teknika lernejo por civitanoj kaj por laboristoj.En revuo "Bulgara esperantisto" numero 5/1.923 j. estas anonco: Gabrovo - gvidataj du kursoj kun gvidantoj Hr.Kolev kaj V.Tabakov.La dua kurso estas nur por komunistoj - 55 kursanoj" .

Dum tridekaj jaroj la societoj en Gabrovo kaj Sevlievo efektivigas vastan agadon.La eldonejo "Frateco" de Sava Kalimanov kaj Atanas Nikolov en Sevlievo eldonas esperantan literaturon kaj ĵurnalon "Frateco".Sub la gvidado de nia konata

➡

esperantisto Simeon Hesapĉiev en la gimnazio formiĝas lernanta esperanta grupo "Verda stelo", en kiu eniras progresemaj lernantoj kaj disvolvigas viglan agadon. Simeon Hesapĉiev eldonas bibliotekon "Fenestro al la mondo". En Gabrovo Varĉo Jovĉev, Ljubomir Avramov, Vasil Tabakov k.a. sendas informojn al niaj kaj fremdaj esperantaj revuoj. La gabrovano Ivan Matev forveturas en Francion , kie parolas en kunvenoj pri la malbona stato de la bulgara popolo post la septembra ribelo. Li skribas artikolojn sub rubriko "Parolas la bulgaro Ivan Matev" . Penĉo Bojnov korespondas kun Anri Barbjus kaj laŭ liaj materialoj Barbjus skribas artikolon "Bulgario, lando de pendigiloj" . Fruktodonaj estas la esperantaj kursoj en Gabrovo kun kursgvidantoj R.Triĉov – 1.934/35 kaj P.Kamburov -1.940j.

Vigla esperanta agado disvolviĝas dum dudekaj kaj tridekaj jaroj en la vilaĝoj de Gabrova distrikto, speciale en V. Nova mahala (Aprilovo) kaj V. Mleĉevo, kie Ilija Ilijĉev kaj Marin Bâlgarenski gvidas kursojn, fondas societon – "La verda karavano", laŭ la himno de Bâlgarenski, dediĉita al la societo. Viglan agadon okazigas la esperantistoj de Sevlievo kaj najbaraj vilaĝoj en la jaro 1.938 okaze de 25ª nacia esperantista kongreso.

Dum la dua mondmilito la organiza vivo malfortiĝas, sed fervoraj komsomolanoj kaj komunistoj partoprenas en kontraŭfaŝista batalo. En V.Târnova malliberejo Ilija Ilijĉev gvidas kurson, en kiu partoprenas la gabrovanoj Mitko Conev, Josif Josifov, Conko Uzunov k.a. Bona kursgvidanto de Esperanto en la malliberejo estis ankaŭ Evtim Apostolov. Multaj esperantistoj kiel Lalĉo Dragiev, Vârban Genĉev, Ivan Vladkov, Stefka Coneva, Genĉo Lapakov, Evtim Apostolov, Kanĉo Rajkov k.a. oferis sian vivon en la batalo kontraŭ faŝismo.

Post la 9ª de Septembro la esperantistoj en Gabrovo denove restarigas la societon "Verda torĉo" je la 18ª de Oktobro 1.944 j. kun prezidanto Neno Janev kaj sekretario Stojan Ivanov. En Sevlievo restariĝas la societo "Fratiga stelo" en 1.945 j. En Trjavna estis fondita esperantista societo "Verda standardo" en 1.938 j. kaj en 1.958 j. ĝi estis restarigita kun prezidanto Ivan Gâmzov kaj sekretario Pavel Harlov. En Drjanovo estis fondita esperantista societo "Ivan Vladkov" en 1.960 j. kun prezidanto Nejko Manev kaj sekretario Geno Manev.

Dum la jaroj 1.963 - 1.965 en Gabrovo kaj Sevlievo formiĝas junularaj esperantaj grupoj. En la jaro 1.965 ĉe la Interklubo de la Domo de kulturo en Gabrovo estis fondita esperantista sekcio, kiu dum kelkaj jaroj disvolvis tre viglan esperantan agadon. En 1.966 j. formiĝis distrikta estraro de BEA – Gabrovo kun prezidanto Stefka Markova. Sekvantan jaron estis elektita por prezidanto Miho Gâlâbov el Sevlievo. Laŭ iniciato de Ljubomir Dimitrov ĉe la Domo de kulturo en 1.975 jaro , estis fondita klubo de la esperantisto, kiu disvolvas aktivan agadon. En 1.980 j. estis fondita en Gabrovo ankoraŭ unu societo "Evtim Apostolov" ĉe la panuzino.

Estis periodoj, kiam pro objektivaj aŭ subjektivaj kialoj, la esperanta agado de iuj societoj malfortiĝis, sed dum la lastaj jaroj oni sentas ĝenerale plifortigon de la agado per diversaj iniciatoj.

Gabrovo, Julio 1.982 jaro. BOJANA PRODANOVA

# KUIRANTE KUN PILAR

BAKITAJ OVOJ (Huevos a la flamenca)

INGREDIENCOJ: 240 g. da senŝeligitaj tomatoj.
120 g. da kolbaso.
150 g. da pizoj.
60 g. da tranĉita ŝinko.
2 ajleroj.
1 granda cepo.
2 ruĝaj kapsikoj.
3 supkuleroj da olivoleo.
6 ovoj.
3 kuirigitaj terpomoj.
salo kaj pipro.

---

Tranĉetu la ajlerojn kaj ronde detranĉu la cepon kaj ruĝan kapsikojn. Fritu la ajlerojn kaj cepajn detranĉaĵojn en olivoleo dum proksimume 3 minutoj; aldonu ŝinkon kaj tranĉitajn tomatojn. Fritu dum 5 minutoj, aldonu kolbason kaj pizojn. Salumu kaj piprumu, kaj fritu ankoraŭ dum 5 minutoj. Aldonu la terpomojn, kirlu kaj fritetu je malalta varmeco ĝis kiam ĉio estas tute varma.

Metu ĉion en malprofundan fajrorezistan kaserolon; rompu la ovojn kaj aranĝu ilin individue en la centro de la kaserolo; surŝutu ĉiun ovon per salo, pipro kaj iomete da oleo; metu tranĉaĵojn da ruĝa kapsiko sur la supro. Baku ĉion en varmigita bakforno je mezalta varmeco dum 10 minutoj aŭ ĝis kiam la ovoj estu firmaj.

BONAN APETITON !

# Humuraĵoj

- "Ĉiuj homoj estas egalaj". Tio estas pura demagogio. Egalaj al kiuj ?, mi demandas.

- - - - - - -

- Kelkfoje oni ne scias ĉu sin fordoni al drogado, al la sekso, sl drinkado aŭ al optimismo.

- - - - - - -

- Mi legis atente la Plenan Ilustritan Vortaron. Oni devas konsenti, ke ĝi absolute pravas.

- - - - - - -

- Mi amas multe mian patrujon kaj plurajn el ĝiaj loĝantinoj.

- - - - - - -

- Mi ŝparas ĉion eblan por mia estonteco. Malfeliĉulo ! Kaj, kion vi lasas por via postestonteco ?

- - - - - - -

- Mi nenion ŝuldas al Karlo Marx. Antaŭ ol li elpensis la kapitalon, mia familio jam estis riĉa.

- - - - - - -

- Kiel bonŝancaj estis niaj praulojn, ĉar ili mortis pro malpli da malsanoj ol ni nun !

- - - - - - -

- Oni ne scias, ke centmiloj da milionoj da personoj memmortigas rifuzante naskiĝi.

- - - - - - -

- Se Sokrato ne estus sinmortiginta, li estus nun preskaŭ du mil kvarcent du jarojn aĝa.

- - - - - - -

Esperantigis : ALCIBIADES GONZALEZ

# DISTROJ

## VORTO ĈENO

1)Cetaco.2)Amaso da densa akva vaporo, formiĝanta en la malsupra atmosfero kaj malklariganta la vidon.3)Herbo utiligata por bierfabrikado.4)Scienco pri la formoj kaj leĝoj de la pensado.5)Metala iafoje ledа armaĵo ŝirmanta la bruston kaj dorson.6)Genro da dioikaj arboj kaj arbedoj kies plimulto de la specioj kreskas en malsekaj teroj kaj fleksеblaj vergoj estas uzatas por korbofarado.7)Unu el la alkaloidoj ekstraktataj el la ŝelo de kinkono.8)Elementa arĝentebrila tre malmola metalo,atomnumero28 atompezo 58,68.9)Altranga ekleziulo komisiita por reprezenti la Papon en ia difinita okazo.10)Aparta impreso,kiun faras sur la okuloj la diversaj elementoj de sunradio resenditaj de iu korpo sen depende de ĝia formo.11)Genro de musosimilaj mamuloj el la ordo de iu insektmanĝuloj.12)Fortike konstrui io el ŝtonoj aŭ brikoj,kunigante ilin per mortero aŭ cemento.13)Maŝino de rotacia indukto,kiu alformiĝas meĥanikan energion en energion elektran.14)Nomo de la Jesu-patrino en la belartoj.15)Senkompence doni,kiel ateston de bonvolemo,amikeco,favoro ktp.16)Parazita insekto el la ordo de arĥipteroj,vivanta sur la kapo kaj korpo de homoj kaj aliaj vertebruloj.17)Punkto kie kuniĝas la radioj senditaj de unu lumfonto,post ilia trairo tra optika sistemo. 18)Mortigi per manko de aero.19)Ridaĉi kun malico.20)Vico da lignaj palisoj,fiksitaj en la grundo kaj transverse kunigitaj aŭ aranĝo de ŝtonoj metitaj unuj super la aliaj por apartigi korton,ĝardenon ktp.21) Teksaĵo el linaj,kanabaj jutaj,kotonaj fadenoj,interkrucitaj laŭ aparta sistemo uzata por vestado aŭ mastrumado.22)Ebenigi aŭ glatigi lignon aŭ metalon,forigante la superstarantajn partetojn per speciala - tranĉa instrumento.23)Remeti en la staton de bona funkciado,anstataŭigante aŭ plifortikigante difektitajn pecojn ks.24)Blua diafana variaĵo de korundo,uzata kiel juvelŝtono.25)Alta ebena teramaso,subtenata per masonaĵo kaj aranĝita en ĝardeno por ĝui belvidon aŭ faciligi promenadon.26)Havi grandan emon al la muziko.27) Faranta grandan laboron,vojon aŭ alian agon,en nur malmulte da tempo.28)Longa uniforma robo,portata de juĝistoj,advokatoj,profesoroj ks dum la plenumado de ilia funkciado.29)Malaltigi prezon de objekto,donata de la vendanto al aĉetanto.30)Ordinare,ofte uzata de ĉiu kaj tiel seninteresa pro senoriginaleco.31)Konciza.32)La Sankta libro de Islamanoj.33)Emo konsenti avantaĝon al iu prefere al aliaj.34)Iuj el la literoj a,e,i,o,u.35)Surtera molusko el la klaso de gastropodoj,relative granda besto sen konko.36)Tia ke li,ŝi sin detenas de ĉia troaĵo.37)Kunveno de protestantaj pastroj,pri la ekleziaj aferoj.38)Viro,kiu,surmetinte religian - kostumon,restas en monaĥejo por pasigi provotempon antaŭ ol definitive monaĥiĝi.39)Mislego de Javeo,disvastiĝinta jam en la mezepoko kaj uzita ĝis la 19-a jarcento.40)Altestimo,granda respekto,kiu oni meritas per la neriproĉindeco de sia karaktero per la nobleco de siaj agoj aŭ per la ŝatateco de siaj verkoj.

SOLVOJ AL LA ANTAŬAJ ENIGMOJ

MOVOJ DE KAVALIRO :
Per pacienco kaj fervoro sukcesas ĉiu laboro.

REBUSO :
Ne, ni ombrelon (Ne-ni-om b re-lon).

LOGOGRIFO :
Najbaro - Arbano - Baroj - Rano - Aro - No - O

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | R | T | O | K | N | I | Z |
| B | O | R | N | I | O | T | A |
| I | R | T | I | O | R | O | R |
| O | P | U | N | R | L | N | I |
| Ĵ | U | L | A | E | E | I | N |
| O | K | U | K | F | G | M | J |
| P | A | I | U | N | I | R | O |
| U | N | O | V | E | M | I | A |

| | | | |
|---|---|---|---|
| E | | | |
| B | C | A | Ĉ |
| | | | D |